# Esperanto Hamburg



Bulteno de Esperanto Hamburg e.V.

Februaro / Marto (1) 2015

## Alia granda inundo certe okazos

Grafikaĵo: Bfl Hamburg

**1362 kaj 1634 okazis grandaj inundoj**, kiuj estis nomataj *Grandaj Homdronadoj*. La Kaŭzo estis la sama: En 1362 pro antaŭa pesta epidemio ne estis la homoj, por ripari la digojn, en 1634 la 30jara milito malhelpis la digo-konstruon. La granda inundo en Hamburg en 1962 okazis post la dua mondmilito, kiam la digoj dum multaj jaroj ne estis prilaboritaj. En 1976, kiam la fluso estis pli alta, la renovigitaj digoj kontraŭstaris la akvon.
La historio montras, ke bonaj digoj estas nemalhaveble necesaj por la nordmara regiono. Dum la pasintaj jardekoj la digoj kaj protektaj muroj en Hamburg estis pli kaj pli altigitaj. En kelkaj lokoj la protektaj muroj ne plaĉis al la Hamburganoj, kiam ili estis konstruitaj, ĉar ili malebligas la belan elrigardon al la rivero. La famaj restoracioj Fischerhaus apud la fiŝfoirejo en St. Pauli kaj Elbblick en Finkenwerder suferis pro tio. Sed la homoj nun konstatas ke la ŝtormoj pro la klimata ŝanĝo plioftiĝas kaj plifortiĝas.
La mapo, kiun la senatejo por internaj aferoj dissendis al la civitanoj, montras, kiuj regionoj estas sur nivelo sub la protektaj muroj kaj digoj. La fiŝfoirejo en Altona, kie ne ekzistas protekta muro, regule subakviĝas. En tiu regiono la domoj aŭ disponas pri hermetike fermeblaj pordoj kaj fenestroj, aŭ estis konstruitaj sur altaĵoj. En la nova havena urbo oni konstruis la stratojn sur pli alta nivelo. En la centjara deponeja kavartalo *Speicherstadt* estis konstruitaj fuĝejoj sur nivelo de la unua etaĝo.

# ESPERANTO HAMBURG ehh

**Eldonanto:**
Esperanto Hamburg e.V.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str.95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
IBAN: DE51 4306 0967 2006 7165 00
BIC: GENODEM1GLS

**Prezidanto:**
*Jürgen Wulff*
Wandsbeker Chaussee 185b
22089 Hamburg
wulff@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 431883 47
klehr@esperanto-hamburg.de


# Karaj legantoj,

„Ni estas Charlie" estis la surskribo sur miloj da ŝildoj kaj afiŝoj, kiujn pluraj milionoj montris dum demonstracioj en Francio kaj aliaj landoj. Ili protestis kaj montris sian abomenon post la terorismaj murdoj, kiuj okazis en Parizo la 7an de Januaro 2015 en la redakciejo de la satira gazeto *Charlie Hebdo*, ĉar ili publikigis karikaturojn pri Mohamedo. Estis murditaj 12 redaktoroj. Poste, la 9an de Januaro okazis murda atako en juda supervendejo, ankaŭ en Parizo. La teroristoj laŭ informoj de Spiegel apartenas al la terorisma *Al Kaida*.
Dum tiuj tagoj entute estas murditaj 17 homoj. Tri el la teroristoj estis mortpafitaj de la polico dum la klopodo aresti ilin. Pluraj estis sukcese arestitaj. Multaj gazetoj montris solidarecon kun la viktimoj de Parizo. Ankaŭ la gazeto *Hamburger Morgenpost* aperigis la francan sloganon *Ni estas Charlie.* Dum la sekva nokto okazis incendio en la redakciejo; homoj ne estis vunditaj, sed forbrulis la arkivo.
En demonstracio dum dimanĉo en Parizo partoprenis pli ol tri milionoj da homoj. Inter ili, apud la franca prezidanto iris *Angela Merkel*, *Benjamin Netanjahu*, *Mahmud Abbas* kaj multaj aliaj altrangaj politikistoj el la tuta mondo. Ankaŭ en *Berlin* kaj *Hamburg* okazis solidarecaj demonstracioj.
Tamen en Germanio dekstraj ekstremuloj klopodas misuzi tiun tragedion por agiti en siaj interesoj por ksenofobia politiko kun la slogano *Patriotaj Eŭropanoj kontraŭ la islamigo de la okcidenta kulturregiono* (PEGIDA) kaj aliaj.

*Benno Klehr*

La kunvenoj de
**Esperanto Hamburg**
okazas en la
*Kultur-Butiko*




**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**





**Simbolo por preslibereco**



Foto: Nunh-Huh CC

**Redaktofino** de n-ro 2/2015: 15-03-15

**Redaktofino** de n-ro 3/2015: 15-05-15

**Redaktofino** de n-ro 4/2015: 15-08-15

## Esperanto Hamburg e.V.

## Einladung zur Jahreshauptversammlung am 5. März 2015 um 19:30 Uhr im Kulturladen St.Georg (großer Saal unten)

**Tagesordnung**:

1. Erstattung des Jahres- und Kassenberichts des Vorstandes
2. Bericht des/der Rechnungsprüfer
3. Beratung und Beschlussfassung darüber
4. Entlastung des Vorstandes
5. Aufstellung eines Haushaltsplanes und Festsetzung der Mitgliedsbeiträge
6. Beratung und Beschlussfassung über Anträge
7. Verschiedenes

Der Vorstand

# Universala Kongreso

De la 25a de Julio ĝis la 1a de Aŭgusto 2015 okazos la 100a **Universala Kongreso de Esperanto** en Lillo (Lille), la nordfranca ĉefurbo, kun tuttagaj ekskursoj en Bulonjo!
Pluraj hoteloj (ĉ. 3 000 ĉambroj) kaj junulara amasloĝejo troviĝas en la urbocentro, proksime al la kongresejo *Lille Grand Palais* (facila pieda alireblo, densa metro- kaj bus-reto). La bela historia urbo troviĝas en bone atigebla loko por germanoj (kaj aliaj) en centra Eŭropo.



# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: en ***Kulturladen St. Georg***
Alexanderstraße 16 • 20099 Hamburg
19.00 h la membroj kolektiĝas en la kafejo • 19.30 h vespera prelego laŭ la suba programo

## Februaro

**5** *Volker Kraeft kaj Dominik Grauert:*
**La nova komputila kaoso**
Pri kunveno de la Chaos Computer-Club en Hamburg

**12** *Kerstin Baasch:*
**Komuna laboro por nia Esperanto-biblioteko**
Kunportu vian tekokomputilon

**19** *Peggy Ley:* **111 jara jubileo de Esperanto Hamburg**
Lasta kaj plej grava diskutado antaŭ la decidoj dum la jarĉefkunveno.

**25** **Merkredo 18.00 h**
**Estrarkunveno** (publika)

**26** *Vesna Stanicic-Burchards:*
**Ne timi de sed helpi al fuĝintoj!**
Raporto pri la "Bonveniga teamo" en Norderstedt.

## Marto

**5** **Jarĉefkunveno** Ekde 19:30 h
en granda salono sube.
Venu kaj decidu pri la aktivecoj dum la jubilea jaro 2015.

**12** *Dominik Grauert:*
**Interesaj libroj el nia biblioteko**

**19** *Ralph Glomp:*
**Du fortaj virinoj en Parizo - Edith Piaf kaj Marlene Dietrich**
Ni kune legas interesajn informojn kaj auskultas kantojn de la du elstaraj kantistinoj.

**25** **Merkredo 18.00 h**
**Estrarkunveno** (publika)

**26** *Vesna Stanicic-Burchards:*
**10a Europa Esperanto-Kongreso de Europa Esperanto-Unio (EEU) en Rijeka,Kroatio.**
Pluraj interesaj informoj.

## Aprilo

**2** *Benno Klehr:*
**Pasko kun d-ro Faŭsto en Leipzig**

# Hamburg-Enigmo

## Kion kaŝas la komerca ĉambro en la kelo?



En nia bultena eldono 2 / 2012 mi raportis, ke en la kelo de la komerca ĉambro estis trovita kadavro. Temis pri trovaĵo el mezepoka tombejo tie.
Vid-al-vide de la tradicia sidejo de la komerca ĉambro nun estis konstruita nova sidejo por la Hamburg School of Business Administration (HSBA), lernejo por ekonomia administrado de la komerca ĉambro. La nova konstruaĵo estas vidinda – kaj miriga: Ĝi staras sur nekutime alta soklo. Kial?

# Komerca Ĉambro 350 jara

La *Hamburga Komerca Ĉambro* estis la unua en Germanio. Por protekti siajn ŝipojn kontraŭ piratoj kaj gardi siajn varojn, la hamburgaj komercistoj en 1665 fondis la *Komerc-Deputacion*. Post komenca malfido de la senato, ĉar gardado de ŝipoj estas ŝtata afero, oni rekonis la avantaĝojn por la urbo kaj la urba kaso. La komerca deputacio rajtis konstrui sian sidejon apud la urbodomo. Ankaŭ la nunaj konstruaĵoj estas najbaraj.

# Ulma Kofro el Hamburg

Internacie konata estas la *Ulma Kofro*, kiun la firmao Weinmann antaŭ 35 jaroj konceptis en kunlaboro kun la armea malsanulejo en *Ulm*.



Ĝi ekzistas en pluraj grandecoj kaj estas uzata en urĝeca medicino.
La kofroj i.a. enhavas oksigenan boteleton, spirigan sakon kaj senmukigan pumpilon.
La entrepreno ankaŭ produktas defibrilatorojn en diversaj grandecoj por divesaj utiligoj.

WEINMANN medical technology

WEINMANN Emergency
Medical Technology GmbH + Co. KG
Frohbösestraße 12
22525 Hamburg



**La sidejo de la Entrepreno**

Fotoj:
Retpaĝo de
Weinmann

# Alter Wall



Foto: Klehr

En la strato Alter Wall, maldekstre de la urbodomo, estas konstruata novaj elegantaj vendejoj sur 150 metroj, kie ĝis nun nur troviĝas bankaj konstruaĵoj. Vid-al-vide de la pordego de la urbodoma korto estas en konstruo vendeja pasejo, kiu per ponto ebligu trairadon ĝis la luksa vendeja strato Neuer Wall. La inaŭguro estas planita por 2017.



Foton sendis:
Rainer Kurz

***Kep Enderby***, la antaŭa prezidanto de UEA (1998-2001) mortis je la vespero de la 7a de Januaro 2015 je la aĝo de 88. Li estis juristo kaj Aŭstralia politikisto.

# Programo de Gresillon

2015-apr-03/08:
Renkontiĝo de *Interkant'*
kaj kunkantado kun *La Kompanoj*

2015-apr-17/25:
PRINTEMPaS, intensivaj kursoj kun *Zs. Korody, Ch. Chazarein, M. Quenut* -
vidu rete <http://gresillon.org/printempas>

2015-apr-25/26:
PRINTEMPaS, internaciaj KER-ekzamenoj (B1, B2, C1) - vidu rete <http://gresillon.org/printempas>

2015-jul-20/25:
Reĝaj ekskursoj, UK-antaŭkongreso - vidu rete <http://gresillon.org/s2>



2015-aŭg-01/08:
Lingva semajno, Lingvofestivaleto, tuj post UK - vidu rete <http://gresillon.org/s3>

2015-aŭg-08/16:
Festa Semajno por infanoj kaj familioj - vidu rete <http://gresillon.org/s4>

2015-oktobro:
AŬTUNE, lingva seminario kun *Christian Rivière k.a.*
Jara agendo/kalendaro en gresillon.org/agendo
<http://gresillon.org/agendo>

# Fotoj de la Zamenhoffesto

La Zamenhoffesto de Esperanto Hamburg okazis la 20an de Decembro 2014 en la kulturbutiko.



**Jürgen Wulff bonvenigas 26 gastojn.**



**Diversaj viandoj kaj legomoj...**



**Trinkaĵoj por ĉies gusto...**

La festo okazis en la suba salono, pro kio ni devis limigi la nombron de partoprenantoj.

La prezo restis stabila je € 12,-. Tamen niaj gastoj estis kontentaj kaj havis bonan humoron.



**Peggy salutas la artistojn**



**Aplaŭdo al Peggy Ley post la festprelego**



**Rainer, Jürgen kaj Dominik**

*Sebastian Kirf* partoprenis en la hamburga Zamenhoffesto, sed ne oficiale kiel prezidanto de GEA, sed kiel amiko inter amikoj. Aliaj gastoj kiuj ne loĝas en Hamburg estis *Jan Christof Hienerwadl* kaj *Michael Grauert.*



**Carsten Schnathorst ludas pianon, kaj Tanja Heidmann kantas mem verkitan kanton**



**Oscar Höflich, la kuiristo, kiu naskiĝis en Argentino, aŭskultas hispanlingvan kanton *Feliz Navidad,* kiun la klubanoj kantis, por danki al li.**

La manĝaĵoj kiel kutime estis tre bongustaj. Nur la terpomojn ni ŝatus iom pli molaj venontfoje. Entute la festo estis tre bela. Ni estis tre kontentaj.

**Sebastian kaj Adelheid**



**Adelheid, Erika kaj Jutta**



**Ingrid, Rainer, Dominik kaj Jürgen**



**Rainer, Reinhold, Dominik, Vesna, Jürgen, Jan-Christof, Michael kaj Tanja**

Fotoj: Volker Kraeft

# 92a Germana Esperanto Kongreso en Hameleno (Hameln) 22a-25a de majo 2015




## Aliĝu perrete: http://www.esperanto.de/gek2015

**Deutsche Anmeldung: "gek" durch "dek" ersetzen!**

Die erste Anmeldeperiode wurde verlängert bis zum 31.01.2015, weil noch am Anmeldeformular gearbeitet wird!

Achtung: Die meisten Hotels sind für diese Zeit bereits ausgebucht!

## HES - Mitgliedsbeiträge 2015 bitte bis zum 28. Februar 2015 überweisen

Die jährlichen Mitgliedsbeiträge:
Normale Mitgliedschaft / Person mit Einkommen 50 €
Förderndes Mitglied mindestens 100 €
Familienangehörige, Jugendliche,
Mitglieder ohne eigenes Einkommen 25 €
Kinder und Jugendliche bis 16 Jahre 12 €

Kontoverbindung unseres Vereins.:
GLS Bank IBAN DE 51 4306 0967 2006 7165 00
BIC: GENODEM1GLS

Eine Einzugsermächtigung kann mittels Beitrittsformular erteilt werden, siehe: www.esperanto-hamburg.de/beitrittsformular.pdf

Esperanto Hamburg



# Solvo de Hamburg-Enigmo



Sub la konstruaĵo troviĝas la enirejo al la metro-stacio apud la urbodomo, videbla de la malantaŭa flanko.

Fotoj: Klehr

# Hamburganoj je 62% akceptas




la novan kampanjon por okazigi Olimpiajn Ludojn en Hamburg 2024. *Berlin* ankaŭ estas interesita, sed la civitanoj ne entuziasmas, ĉar la urbo jam nun havas tro da ŝuldoj. Tamen restas granda obstaklo por Hamburg: *Boston* ankaŭ kandidatas. (Por 2012 Londono sukcesis en la elekto de la loko.)

Mitgliedsbeiträge und Spenden an HES können in der Einkommensteuererklärung geltend gemacht werden. Soweit die einzelne Zahlung 200 Euro nicht übersteigt, genügt es gemäß § 50 Abs. 2 Nr. 2 EStDV, den Zahlungsnachweis - abgestempelter Überweisungsbeleg oder Kopie des Kontoauszugs - zusammen mit der nachstehenden Erklärung einzureichen. Aus den Unterlagen muss erkennbar sein, ob es sich um einen Mitgliedsbeitrag oder eine Spende handelt. Bei höheren Beträgen wird Ihnen unaufgefordert eine Spendenbescheinigung zugesandt.

## Bescheinigung über Gemeinnützigkeit

Der Esperanto Hamburg e.V. ist wegen Förderung des Völkerverständigungsgedankens nach dem Freistellungsbescheid des Finanzamtes Hamburg-Nord vom 19.11.2012 unter der Steuernummer 17/420/07983 als gemeinnützigen Zwecken dienend anerkannt und nach § 5 Abs. 1 Nr. 9 des Körperschaftsteuergesetzes von der Körperschaftsteuer befreit.
Es wird hiermit bestätigt, dass die Zuwendung nur zur Förderung des Völkerverständigungsgedankens gemäß § 52 Abs. 2 Nr. 13 AO verwendet wird.

Kun koraj salutoj

Gerald Roemer, Kassenwart